strandvilaĝo, apud la famkonata lago Balaton, kaj sufiĉe belveteris — malgraŭ kelkaj teruraj ŝtormoj, precipe kiam oni tendumas ! — por ke ni ĝuu la plezuron ekkoni tiun varmakvan lagon ne nur per la okuloj sed ankaŭ per la tuta korpo.

Kaj kiel ni rimarkis dum la (ne tro) solena inaŭguro, ĝi altiris studentojn el 10 landoj ; el Bulgarujo venis la plej multo : pli ol 100 personoj el 170 partoprenantoj ; okcidentanoj estis malmultaj, sed tamen Francujo estis reprezentita de 5 gestudentoj.

Dum tiu semajno ni havis okazon serioze priparoli la diversajn problemojn de nia movado en la studenta medio. Krom ĉiutagaj (eĉ foje noktaj !) estrarkunsidoj, okazis 4 ĝeneralaj ĉefkunvenoj, dum kiuj oni raportis pri la lastjara agado en la diversaj landoj. Inter la multspeca studenta agado, ni speciale menciu la Scienca Konferencon okazintan en Budapest, kaj Internacian Sciencan la Seminarion okazintan en Torun (Pollando). Ankaŭ okazis financa raporto, raporto pri la 2 gazetoj « Studento » kaj « Universo », oni diskutis la rilatojn kun ISAE kaj TEJO. Sed plej gravaj decidoj estis elekto de nova estraro, kaj ĉefe akcepto de novaj statutoj. Nun ĉiuj landoj dum la ĉefkunvenoj estos reprezentitaj de komitatanoj, elektitaj en siaj landoj. Jen la nova estraro : Prez. J. Kazakov, Sekr ; A. Boldan, Kas. C. Nourmont, kaj la aliaj estraranoj estas G. Ivanov, R. Groeneveld kaj A. Salamon.

Sed amuzado estis ankaŭ enskribita sur nia programo ! Krom la kutima banado kaj sunumado, ni faris — tre rimarkitan — matracekskurson (por neiniciitoj ni klarigu, ke tio signifas samtempe sub kaj sur aŭ kun kaj per matraco t.e. portante la matracon, kaj estante portita « de » ĝi) pri kiu ĉiuj memoras, ankaŭ pro la teruraj sunfrapoj « kaptitaj »... Ni ekskursis (sed ĉi-foje per trajno) al la malnova urbo Vesprem. Kaj preskaŭ ĉiu-vespere nin regalis per kantoj kaj dancoj niaj bulgaraj kaj polaj amikoj.

Mi ne forgesu paroli pri la oratora konkurso, kie Adrian Boldan el Rumanio gajnis restadon en Ruse (Bulgario), kie verŝajne okazos la venonta STELO-semajno post la U.K. en Budapest. Gestudentoj, jam rezervu parton de viaj ferioj por partopreni tiun semajnon, same allogan kiel la ĉi-jaran.

Claude NOURMONT.

## Listo de la jam PATRONAJ MEMBROJ de TEJO 1965

Patronaj Membroj A :
S-ro A. PLOUSSU.
S-ino J. VINCENT.
S-ro M. LAVERGNE.
S-ro F. CADENEL.
S-ro M. FENEYROL.
S-ro M. SALLES.
S-ro S. STUIT.

Patronaj Membroj B :
F-ino G. PERRA.
S-ro R. TAVERNIER.

## RENCONTRE ET EXPOSITION ESPERANTISTES A THANN (18-19 septembro)

Une rencontre d'espérantistes, doublée d'une très intéressante exposition organisée dans une salle de la Mairie de Thann, a connu un brillant succès dans ce chef-lieu de canton du Haut-Rhin, les 18 et 19 septembre dernier.

De près et de loin, des adeptes du mouvement espérantiste étaient venus pour se rencontrer au cours d'une veillée à Storckensohn. Projection de diapositives prises lors des rencontres très diverses, chants et danses ont distrait jeunes et moins jeunes, avant un repos fort bien apprécié dans les locaux de la colonie de vacances « Vacances heureuses ».

L'après-midi du 18 fut consacré à la visite de Thann, de son musée fort intéressant et de sa « collégiale » renommée.

Le dimanche matin, un vin d'honneur, accompagné de « Kougelhopf », fut offert par la Mairie de Thann. Cette charmante réception, au cours de laquelle le Maire, M. Schiele, fit un brillant exposé, permit à chacun d'apprécier tous les documents exposés avec goût et recherche et d'obtenir tous renseignements concernant l'Esperanto et son essor.

Le beau temps étant avec nous, une sympathique promenade nous conduisit à « L'œil de la Sorcière », le dimanche après-midi.

Malheureusement, il fallut se quitter. De vives félicitations furent adressées à Roland Kubler et à sa dynamique équipe d'espérantistes thannois. Le plaisir de se retrouver lors d'une prochaine rencontre permit à chacun de s'éloigner de Thann, le cœur joyeux et plein d'espoir.

---

**Vendas poŝtmarkojn novajn kaj uzitajn Francujo, Kolonioj, Germanujo, Ĉekujo. Rabato 40-50 % sur katalogo Yvert. Sempaga listo post peto. BROISE, B.P. 11, 28-Brezolles.**

**47-jara laboristo deziras korespondi kun francino pri literaturo, arto, naturo,, Esperantomovado. S-ro Arne Bengtsson, Abybergsgatan 32, MöLNDAL, Svedujo.**

**Junaj s-anoj/inoj/ 17-35 jaroj en Jihlava deziras korespondi kun s-anoj/inoj/ en la tuta mondo. Deziras korespondi pri diversaj temoj kaj interŝanĝos PM, PK, gazetojn, gramodiskojn, notojn, metalajn insignojn kaj aliajn objektojn.**

**Korespondas en Esperanto, angla, franca kaj germana lingvo. Respondo certa. Skribu al jena adreso : S-ino L. MATULOVA, P.O. BOX 119. JIHLAVA, Ĉeĥoslovakujo.**

---

**La Redakcio de Franca Esperantisto deziras feliĉan jaron al siaj gelegantoj**

# KOMUNIKAĴO DE LA PREZIDANTO DE LA AKADEMIO

Je la komenciĝo de la tria jaro de mia prezidanteco mi opinias utila doni al la publiko, responde al pluraj diverslokaj deziresprimoj, mallongajn informojn pri la nuna agado de la Akademio.

La unua jaro (1963-1964) estis dediĉita al la revizio de la Statuto, al la interna reorganizo kaj al provoj starigi en la akademianaro pli justan reprezentadon de la diversaj lingvofamilioj.

En la dua jaro (1964-1965), la Akademio esploris du ĉefajn demandojn, kiuj jam de longe atendis ian solvon, tiun pri la uzado de la pasivaj participoj kaj tiun pri la gramatika kategorieco de la radikoj ; pri ambaŭ estis jam atingitaj decidoj : pri la unua demando, la plimulto de la Akademio konstatis, ke la ekzemploj entenataj en la « Fundamento » ne povas esti klarigataj laŭ la tiel nomata « nete tempa sistemo » sen arbitra perforto de ilia senco ; pri la dua demando, la plimulto konstatis, ke la Esperantaj radikoj havas unu gramatikan karakteron kaj ke la analizo de De Saussure, kompletigita de Wüster kaj de Kalocsay, respondas al la realaĵoj de la lingvo.

La koncernaj Sekcioj (pri Gramatiko unuflanke, kaj pri la Komuna Vortaro aliflanke) nun prilaboras la tekston de la definitivaj rezolucioj pri tiuj du demandoj. La ceteraj Sekcioj, pri la Teknika Vortaro, la Bibliografio, la Prononcado kaj la Literaturo pretigas nun raportojn pri temoj poste esplorotaj de la Akademio.

La Prezidanto : G. WARINGHIEN.

(nova adreso :
182-G, av. Rouget-de-Lisle, 94 Vitry-sur-Seine
Francujo)

---

# Franca Esperanto-Instituto

La 31-an de oktobro kaj 11-an de novembro 1965 okazis la respektive skriba kaj parola partoj de la Ekzameno por la Diplomo pri *« Altaj Esperantaj Studoj »*.

Prezentiĝis kvar kandidatoj : S-ino J. Vincent, S-roj M. Duc-Goninaz, P. Royer kaj J. Thierry. — La kvar kandidatoj sukcesis kaj ricevis la koncernan diplomon.

La juĝantaro konsistis el : Prof. G. Waringhien, Prez. de la Akademio, R. Bernard, Ak., kaj S-ro D. Luez, ĉiuj tri antaŭaj diplomitoj pri la sama ekzameno. *La Sekretario de F.E.I.*

—o—

### Raporto de la Prezidanto de la Juĝantaro pri la Ekzameno « ALTAJ ESPERANTAJ STUDOJ » (Okt.-Nov. 1965) al la Prezidanto de la Franca Esperanto-Instituto

Tre estimata Prezidanto,

Mi havas la honoron prezenti al vi la raporton pri la lasta serio de ekzamenoj por la Diplomo pri Altaj Esperantaj Studoj.

Tiu serio estis kontentiga, unue ĉar estis kvar kandidatoj, nombro ĝis nun ne atingita en unu serio, kaj pruvanta, ke pli kaj pli el la franca samideanaro multaj konscias la lingvajn kaj artajn valorojn de Esperanto kaj sentas la bezonon ilin esplori ; due ĉar ĉiu el tiuj kvar kandidatoj ricevis la koncernan diplomon.

Estas tamen mia devo altiri la atenton de tiuj ĉi novaj diplomitoj kaj de la estontaj kandidatoj pri kelkaj malfacilaj punktoj, kiuj ĝenerale ne estis sufiĉe konsiderataj kaj pristuditaj.

1° — En la skribaj tradukoj, la unua zorgo estas evidente la ĝusta kompreno de la proponitaj tekstoj : kiam temas pri lingvo tiel klara kiel Esperanto, mi opinias, ke oni ne povas doni la mezan noton (10 el 20 poentoj) al tasko, kiu entenas eraron pri la senco eĉ de *unu* vorto aŭ kunmetaĵo.

Sed tio estas nur la minimumo : ĉe la nivelo de tia ekzameno, en kiu la tekstoj estas elektitaj pro sia arta kvalito, oni devas ankaŭ peni redoni la tonon, la kadencon kaj, en la ebla mezuro, la stilon de la tradukata teksto. La stilo de Zamenhof varias, laŭ tio, ĉu li tradukis el Shakespeare, el Schiller aŭ el Gogol ; des pli diferenca estas la stilo de aliaj grandaj tradukistoj, Kabe, Rossetti, Rotkviĉ k.a. Jen kion la kandidatoj devas lerni distingi, kaj ekzerciĝi, por ĝin iom redoni en siaj taskoj.

Aparte la traduko en la francan lingvon postulas pli da atento kaj zorgo, ol la kandidatoj ŝajne emas dediĉi al ĝi : la franca estas malnova lingvo, plena de subtilaĵoj, riĉa je sinonimoj, kaj la ĝusta, aŭ malĝusta, elekto de unu vorto povas fojfoje delikatigi aŭ tute ruinigi la efekton. Por citi nur du ekzemplojn, « sanga rivero » estas *« un fleuve de sang »*, « sanga robo » *« une robe ensanglantée »*, « sanga ofero » *« un sacrifice sanglant »*, « lipoj sangaj de amaj mordoj » *« des lèvres saignantes de morsures amoureuses »*, « sangaj sputaĵoj » *« des crachats sanguinolents »* — kaj neniu el tiuj tradukoj de la sola « sanga » povas anstataŭi la aliajn. Same : « ŝlima fosaĵo » estas *« un fossé bourbeux »*, « ŝlima haveno » *« un port vaseux »*, « ŝlimaj ondoj de Nilo » *« les flots limoneux du Nil »* — kaj oni ne intermiksu « ŝlima » kun « kota » ! Jam de longe S-ro Guadet instruis pri similaj ekzemploj en siaj altvaloraj broŝuroj, kiujn oni bedaŭrinde ne sufiĉe relegas.

2° — La ekzameno entenas unu provon pri komentado de franca teksto : ĝi havas kiel celon certigi, ke la kandidato havas bonajn sciojn pri la franca literaturo kaj pri la literatura lingvo. Kelkaj povus miri pri la ekzisto de tia provo en Esperanta ekzameno : ili konsideru, ke tiaj provoj ekzistas ankaŭ en niaj ŝtat-ekzamenoj pri la fremdaj lingvoj, angla, germana, rusa ktp. Efektive, la eĉ perfekta sciado de fremda lingvo nenion signifas, se oni ne kapablas ĝuste kompreni la originalan tradukotan teskton. Nu, la franca lingvo (same kiel la angla kaj multaj aliaj malnovaj iloj de la homa civilizo°) suferis kun la

————

° *Amuzan ekzemplon ĵus liveris al ni la aktualeco : la lasta filmo de Visconti estas titolita « Vaghe stelle dell' Orsa », kion la francaj ĵurnalistoj tradukis, laŭ la hodiaŭa senco de la adjektivo « Vagues étoiles de l'Ourse », dum, en tiu peco el konata verso de Leopardi, « vaghe » havas la arkaikan sencon « ĉarmaj, graciaj » !*

paso de la tempo multajn senco-ŝanĝojn. Oni evidente ne postulas de niaj kandidatoj la scion de la mezepoka aŭ eĉ de la renesanca franca lingvo ; sed ja la klasika de la 17-a kaj 18-a jarcentoj postlasis en multaj eĉ nuntempaj verkoj spurojn, kiujn kompreni oni povas nur, se oni referencas al la senco de tiuj vortoj en la klasika epoko. Eĉ en Valéry, eĉ en Aragon oni trovas tiajn artajn arkaismojn. Kiam A. France skribas : « J'ai été élevé par des humbles et des simples, dont je suis seul à garder le souvenir ; mon âme est toute pleine de leurs reliques », li uzas, same kiel Racine, la vorton kun la senco de « restaĵoj », ne de « relikvoj ». En la proponita teksto de Vigny, « la voix triste et superbe » de la Naturo estis vere « la sovaĝa kaj orgojla voĉo » ktp. Por esti fidela al teksto, oni devas almenaŭ esti certa pri ĝia signifo, kaj tio estas nun facila, kiam oni disponas pri la Dubois-Lalagne aŭ eĉ simple pri la « Larousse classique ».

3° — En la parola parto du provoj estis mistraktitaj. La unua estas la « improviza traduko el Esperanta klasika verko ». Mi scias, ke multaj el tiuj verkoj estas nun malfacile akireblaj : sed jam antaŭ kelkaj jaroj estis reeldonita « La Faraono » en la traduko de Kabe, kaj lastjare reaperis ĉe EFE la Zamenhofa traduko de « Hamleto ». Almenaŭ unu el tiuj du ĉefverkoj devus esti zorge pristudita de la kandidatoj ; estus por ili plej utile, ekz-e, kompari la Zamenhofan « Hamleton » kun la nova traduko farita de Newell (« Stafeto ») kaj precipe kun bona franca traduko (de F.V. Hugo, aŭ de Gide ĉe la Pleïade, aŭ de Derocquigny ĉe Budé, aŭ de Castelain ĉe Aubier, aŭ de Bonnefoy ĉe La Mercure de France ktp). La Zamenhofa traduko de « Marta » estos verŝajne baldaŭ reeldonita kaj ankaŭ ĝi liveros taŭgajn pecojn por tiu provo.

4° — La dua, ne tre kontentige plenumita provo, estas la « leciono pri unu aŭ pluraj gramatikaj punktoj », daŭronta unu duonhoron post preparo. La ĉefaj mankoj de la kandidatoj tuŝas la ordon, la klarecon kaj la simplecon. Oni petas de ili pruvon pri iliaj pedagogiaj kapabloj — kaj plejofte ili donas atestojn de scivolemo pri kuriozaj aŭ diskutindaj detalaĵoj. Unu el ili, parolante pri la « Tabelvortoj », longe penis montri ekzemplojn, en kiuj oni *ne* uzas la korelativajn pronomojn (tia..., kiu...) ; anstataŭ pritrakti tian esceptan okazon, li devus male insisti ĝuste pri la korelativeco kaj distingi ĝin de la konsekvencenco, kiujn en multaj okazoj la franca lingvo konfuzas unu kun la alia :

« il est tel que son père » — « li estas tia, kia lia patro » ;

« il est tel que son père ne le reconnaîtrait pas » — « il estas tia, ke lia patro lin ne rekonus ».

Ĝenerale la kandidatoj devas atenti la punktojn, ĉe kiuj la franca diverĝas de la Esperanta, kaj ĉiam unue analizi la francan uzadon, antaŭ ol prezenti la Esperantan. Ekz-e estas konata trajto de la franca, ke ĝi volonte ŝparas la gramatikilojn, uzante unu saman por esprimi tre diversajn rilatojn (« que », « si », « dont », ktp.) : oni komence do sentigu tiujn diversajn signifojn de la sama vorto kaj certigu, ke la lernantoj ilin bone diskomprenas, por poste ilustri ĉiun el ili per la Esperanta traduko.

Pri ĉiu temo oni donu tuj la fundamentajn sciojn, klare kaj orde prezentatajn ; oni ne timu, ke la leciono ŝajnos tro elementa : la juĝantaro ĉiam povos demandi poste pri tiu aŭ alia ne pritraktita malfacilaĵo. La kandidato antaŭ ĉio montru, ke li konas sian temon, vidas en ĝi, kio estas necesa kaj kio malĉefa, kaj kapablas firme gvidi siajn lernantojn « tra la labirinto de la gramatiko ». Oni senĉese ripetas, ke Esperanto estas lingvo klara : li almenaŭ ne donu la impreson pri la malo.

Mi esperas, ke tiuj ĉi rimarkoj estos utilaj al la estontaj kandidatoj kaj helpos ilin en la preparado de tiu grava ekzameno.

G. WARINGHIEN.
Prezidanto de la Akademio de Esperanto.
Professeur Agrégé de Grammaire,





# NIA VORTTREZORO

## 8) JES, JA KAJ NE



La demandojn de S-ro R. B. en J. pri **jesado** kaj **neado**, mi provos skeme respondi jene. Tiuj respondoj ne elĉerpos la temon.

1. Esperanto posedas du vortetojn por konfirmi diron : **jes** kaj **ja**, ne parolante pri aliaj kiel : certe, tamen,... Ĝi posedas nur unu negacion : **ne**.

Jes estas interjekcio prenita el la angla. Zamenhof certe pensis ankaŭ pri la rusa **est'** (pr. : jestj) kaj pri la hebrea **jeŝ** (kiun la litovaj judoj prononcis : jes laŭ informo de N.Z. Maimon). Tiuj du formoj propre signifas : estas, sed en respondo ili signifas ankaŭ : « estas (tiel) ! ». Cetere ankaŭ en la serbo-kroata estas uzata **jest**, apud la ordinara slava **da**. En la jidiŝa **jes** estas : **je** kaj devenas de la germana **ja**.

**Ja** estas adverba en Esperanto ; ĝi estas prenita el la germana, kie ĝi estas kaj interjekcio kaj adverbo (= jes kaj ja). Ĝi ekzistas ankaŭ en la nederlanda kaj la kvar skandinavaj ; ĝi estas trovebla ankaŭ en la estona kaj letona ; en ĉiuj ĉi lingvoj ĝi signifas **jes**. Sed en la tri ĉefaj skandinavaj kaj la estona ĝi iom miksiĝas kun la adverbo **jo** (aŭ **ju**), kiu signifas **ja** ; en la germana tiuj du vortetoj reduktiĝis al nur unu. La aliaj lingvoj tradukas tiun adverbon per diversaj, eĉ tre diversaj esprimoj, kiuj laŭvorte signifas : fakte, efektive, envere, certe, bone... sed kiuj pro la kunteksto akiras la saman rolon kiel **ja**. Ankaŭ la hispana uzas plurajn esprimojn, kiuj ludas tiun rolon ; sed ĝi ankaŭ povas uzi la adverbon **ya**, kiu devenas de la latina **jam**.

**Ne** estas en Esperanto kaj adverbo kaj interjekcio. Komuna al la latina kaj la rusa, la vorteto **ne** ekzistas en la slavaj kaj baltaj (letona kaj litova) kaj ankaŭ en la rumana kaj franca (ne ... pas). En la skandinavaj ĝi prenas la formon **nej**. Konsiderata kiel hindo-eŭropa radiko **ne** certe retroviĝas en ankoraŭ aliaj lingvoj (**na** en la sanskrita,...).

En iuj lingvoj ambaŭ funkcioj (adverba kaj interjekcia) estas plenumitaj de nur unu vorteto : kazo de la slavaj kaj baltaj, la hispana kaj la portugala ; dume ekzemple en la rusa la interjekcio **net** diferencas de la adverbo **ne**, same kiel la angla interjekcio **no** disde la adverbo **not** ; similan staton ni trovas en la skandinavaj (**nej** kaj **icke** en la svedaj) kaj ĝermanaj lingvoj (**nein** kaj **nicht** aŭ **kein** en la germana) ; ankaŭ en la franca, la itala kaj la rumana. Ni rimarku, ke ĉiuj latinidaj lingvoj kaj la angla posedas almenaŭ kiel interjekcion unu formon, sufiĉe similan al **no** (skribita ĝuste **no** en la angla, itala, hispana kaj kataluna) ; en la latinidaj ĝi devenas de la latina **non**, dum la angla estas reduktaĵo de **not**, propra formaĵo de tiu lingvo.

2. **Jes** kaj la interjekcia **ne** fakte havas la valoron de tuta propozicio aŭ frazo : ili valoras pli ol ordinara interjekcio. Ekzemple, post la demando : « Ĉu vi venas ? » **jes** egalvaloras al : **mi venas !** kaj **ne** al : **mi ne venas !** Ili povas ankaŭ anstataŭi la predikaton de antaua propozicio ; ekz-e : « vi ne konas lin, sed mi jes » (= sed mi konas lin), aŭ : « vi konas lin, sed mi ne » (= sed mi ne konas lin). (Vidu la Plenan Gramatikon, 3-a eld., p. 129).

**Ja** kaj la adverba **ne** malsimilas inter si en tio, ke oni **povas** uzi la unuan por jesi fakton, por insisti pri io, dum oni **devas** uzi la duan por negi : « mi ja ŝatas lin » estas insisto de la pli banala « mi ŝatas lin » ; sed ekzistas nur unu maniero diri : « mi ne ŝatas lin », krom tamen ke oni povas insisti pri tiu negado, dirante : « mi ja ne ŝatas lin ».

Oni devas atenti, ke — verŝajne pro la influo de la germana, kaj eble ankaŭ de la aliaj ĝermanaj, sed ankaŭ parte pro la dufunkcieco de **ne** fronte al la paro **jes** kaj **ja** — iuj misuzas la interjekcion **jes**, donante al ĝi la signifon de **ja** : ili simple ne uzas, tute ne konas tiun bravan adverbeton !

3. La fakta malfacilo en la uzado de **jes** kaj de la interjekcia **ne** troviĝas post la negaj demandoj. Al la demando « ĉu vi ne estas malsana ? ». (P.G., p. 129) sanulo respondos per **ne**, SE li subkomprenos : « ne, mi ne estas malsana » ; aŭ per **jes**, SE li pensos : « jes, via neado estas ĝusta » ! Male, malsanulo respondos laŭ la unua formulo : « Sed jes ! » aŭ pli emfaze : « Jes ja ! mi estas malsana ! », dum laŭ la dua li diros : « Ne ! » (Ne ! Via neado ne estas ĝusta : mi estas malsana) !

La plena gramatiko raportas la opinion de la japano K. Ossaka, laŭ kiu eŭropano respondas laŭ la unua formulo, dum la japano per la dua. Sed la aŭtoroj de la P.G. atentigas, ke ankaŭ la slavoj respondus, kiel la japanoj per la dua formulo. Mi ne dubas pri tiuj asertoj, sed mi tamen opinias, ke la diferencoj ne estas tiel netaj ; mi opinias, ke la diverseco estas pli individua, kaj mi spertis, ke eĉ en la franca mi ne povas esti certa pri la signifo de interjekcia respondo al nega demando. Sekve estas nur du manieroj eviti malklaraĵojn : a) kiel eble plej evitu uzon de negaj demandoj ; b) se vi devas respondi al negaj demandoj, nepre ne uzu nuran interjekcion ; aldonu frazeton (« mi estas », « mi ne estas »,...) ; teorie la respondo « sed jes ! » tamen devus sufiĉi, por tiu kazo.

Tamen ŝajnas (sed, ĉu vere, kaj ĉu por ĉiuj ?) ke la unua formulo estus pli kontentiga. Oni do povus proponi jenan regulon : uzu en via respondo al nea demando aŭ « sed jes ! » aŭ « ne ! », laŭ tio ĉu vi povas anstataŭe uzi frazon kun respektive aŭ ja, aŭ ne : al « ĉu la vetero ne estas suna ? » la respondoj estus : « Sed jes ! » (= la vetero **ja** estas suna) aŭ : « Ne ! » (= la vetero **ne** estas suna !).

4. Ke mankas aparta nega interjekcio sentiĝas ĉefe okaze de konversado, okaze de interparolado, ĉefe se ĝi estas iom vigla. La kunteksto ja helpas, sed nedubeble diro kiel : « ne ! mi lin vidis » tre facile povas aŭdiĝi kiel : « ne mi lin vidis ! » kiu havas tute alian sencon, kontraŭan sencon ! Por eviti tion estas konsilinde : a) prononci **ne** kun pli da insisto kaj do ankaŭ iom pli longe, kaj ; b) intermeti sufiĉan paŭzon post tiu interjekcio.

Alian vojon proponis la poeto skribante en « La libro de amo » jenan verson :

### Ne diru nen, vi ploris !...

Tiu uzo de la unua silabo de la negaj tabelvortoj estas tre interesa provo, sed ne senriproĉa. Efektive « Nen ! iu vidis lin » facile aŭdiĝos « neniu vidis lin ». Plie **nen** ne estas tre diferenca de la ordinara **ne**, vidpunkte de fonetiko ; similan riproĉon oni povus oponi al uzo de la radiko de **negi**, kiu krome tro similus al **nek** ! Plie kaj fine neniu el ili prezentas ian ajn internaciecon. Sed eble oni povus uzi, kiel estis jam proponite, la latinidan **no.** Ni tiam havus du paralelajn parojn : jes kaj ja — no kaj ne.

« Jes ! ja bone » aprobos iuj. « No ! ne bone » malkonsentos aliaj. A. ALBAULT.

### Ree pri « plena »

De S-ro G.G., el Ch. mi ricevis longan leteron pri mia propono de sufiksa uzo de **en.** Li dubas, ĉu en tia uzado la signifo de **en** estas bone respektita.

Nu ! Mi sugestis tian uzon (kulereno, telereno, maneno,...) kaj la analizo de ekz-e kulereno laŭ la principoj de la vortfarado kondukas al la signifo : « eno de kulero » do al : « tio, kio estas en la kulero » ; kompreneble, ne en la metalo de la kulero, sed en la kavaĵo de tiu kulero, kiu ja estas farita por ion **enhavi**, por ion **enteni** ! Aliparte « kulereno » estas tre proksimuma mezuresprimo : la kulero povas esti pli malpli plena ; necesus esti tre lerta aŭ inventi aparaton por ke ĝi estu « raze » plena en ĉiuj okazoj ! ni do vetu, ke kulereno da ricinoleo certe ne estos plena kulero ; dum por la kremo... Ha **jes** ! la kulero estos monte superplena ! En tiaj kondiĉoj la esprimo **kulereno** estas logike eĉ pli ĝusta ol **kulerpleno.** Ĝi tamen havas unu gravan difekton : ĝi ankoraŭ ne enuziĝis kaj estas nur propono. A. A.

# RECENZOJ

**LETERO DE KVAKERO AL GEAMIKOJ de Alfred G. Tucker. — Eldonita de la Kvakera Esperantista Societo. Prezo :**

Oni ofte parolas pri la Kvakeroj sed malmulte da personoj scias, kiaj estas la kredo kaj la praktiko de la Kvakeroj.

La Kvakeroj, kiujn oni ankaŭ nomas la « Amikoj », estas Kristanoj. Ili praktikas la principojn de Jesuo sed celebras nek mesojn nek baptojn nek religiajn ceremoniojn. Ili ne havas pastrojn, ne surhavas specialajn vestojn, neniam ĵuras (eĉ antaŭ tribunalo), sin dediĉas al filantropaj laboroj.

La « Societo de Amikoj » havas siajn proprajn bankojn kaj lernejojn. Ili propagandas por esperanto kaj por la paco. Ili eldonas kvaronjaran gazeton : « Kvakera Esperantisto ». F. LEGRÉE.

**VORTLUDO el serio « Legu kaj Lernu ». — Redaktita kaj eldonita de D.P. Faux, Valley Farm House, nr. Bicester Oxon Anglujo. — Poŝformata, 25 paĝoj; prezo : 1,20 F.; jarabono : 8,40 F.**

Jam aperis en tiu nova serio « Legu kaj Lernu » 4 libretoj : 1) El Afriko; 2) Idetoj; 3) Kion vi fasas; 4) Kion vi diras.

La ĵusa libreto « Vortludoj » ankaŭ tre bone taŭgas kiel vortara ekzercilo en la lernejoj kaj kluboj. Ĝi enhavas krucvortojn, enigmojn, diversajn infanajn vortludojn. F. LEGRÉE.

**KREDO AL DIO EN LA ATOMEPOKO de Gustaf Lundberg. — Esperantigita de Erik Carlén. — Eldonita de « Societo Esperanto », Malmö, Svedujo. 50 paĝoj. Prezo : 5 F.**

En nia moderna epoko homoj kredas, nur kion ili komprenas; tial multaj estas la religiaj verkistoj, kiuj provas alporti sciencajn pruvojn pri la ekzisto de Dio.

Tia estas la celo de tiu nova libro redaktita laŭ komisio de K.E.L.I. F. LEGRÉE.

**POR LA PACO, kvardekpaĝa kajero eldonita de la « komisiono pri internaciaj ligoj de la Sovetaj Esperantistoj ». — Moskvo, ul. Kalinina 14,50 D.**

Niaj rusaj amikoj deziras, ke esperanto servu la pacon, kaj ili memorigas, ke ekzistas por tiu celo la MEM (Mondpaca Esperantista Movado).

La broŝuro ĉefe enhavas artikolojn pri la nunaj suferoj de la Vietnamia popolo kaj kompreneble artikolojn kontraŭ la Usonanoj. F. LEGRÉE.

**ĈIES FATIMO. — kunmetita, por la RR.PP. Karmelitoj, de G.D. Walton. — Eldonita de « Casa Beato Nuno, Fatimo, Portugalujo. — 58 paĝoj kun fotoj kaj mapo. — prezo : 2 F.**

La baziliko de Fatimo en Portugalujo, kie okazis laŭ la famo aperado de « Nia Sinjorino de la Rozario » antaŭ tri infanoj, estas vizitata de multaj pilgrimantoj.

Tiu libreto estas ĉefe klarigilo kaj gvidilo por tiuj pilgrimantoj. F. LEGRÉE.

**JAPANA KVODLIBETO. — kompilita de Tazuo Nakamura kaj Miyamoto Masao; prezentita de C.C. Guglielminetti; eldonita de J. Régulo Pérez (La Laguna) en la libroserio : Stafeto. — Beletraj Kajeroj. — 130 paĝoj. — Prezo :**

Ĉi tiu libro estas kompilaĵo de verketoj de diversaj fontoj kaj karakteroj, originale verkitaj en esperanto de niaj japanaj samideanoj.

Ĝia titolo bezonas klarigon. La vorto « Kvodlibeto » devenas el la latina « QUOD LIBET », kiu signifas : « kio plaĉas, kion oni ŝatas ». Sed miaopinie la kreo de tia neologismo estis senutila.

La verko prezentas diversajn beletrajn ĝenrojn : poemoj, noveloj, eseoj, ferakontoj kaj fabeloj. En sia esenco ĝi estas malmulte ekzotika, la japana etoso, kiun oni ŝatus trovi en tia verko, apenaŭ aperas; ŝajnas ke okcidentaj aŭtoroj estus povintaj sammaniere skribi tiajn verketojn.

Estas vere, ke nun la orienta civilizacio similas la okcidentan, kaj la modernaj vivmanieroj, stiloj kaj pensoj emas esti ĉie identaj...

Tio ne malpliigas la valoron de tiu verko, en kiu oni povas ŝati malsimilajn formojn de l'arto : harmonio, erotiko, homa, sufero, fea magio, superrealismo, gaja spirito kaj... elektronika amo. F. LEGRÉE.

N.D.L.R. — « Kvodlibeto » estas Zamenhofa vorto.

# PLI DA FAKAJ REVUOJ

De temp' al tempo aperas nova revuo en Esperanto tie ĉi kaj tie for sur nia planedo. Ĵus aperis unu en Sud-Ameriko kaj alia en Aŭstralio. La unua dediĉas sin al kemio, la dua al bibliaj sciencaj strudoj.

***

Per sia dua numero la « Biblia Revuo » aperas en la definitiva kaj promesita amplekso (88 p.; 4 n-roj en jaro) kaj la kvara numero estos konata en Eŭropo jam komence de 1966. Oni scias, ke tuta « armeo » da specialistoj kun tre diversaj opinioj kaj kulturaj fonoj laboras en la mondo super la Biblio kaj super dokumentoj el la epoko : krom la povoscio de la antikvaj lingvoj, necesas al ili mastrado de la modernaj lingvoj en kiuj aperas la diversaj studoj nuntempaj. « Biblia revuo » volas esti revuo, kiu ebligu al E-istaj specialistoj uzi la lingvon internacian; evidenta kaj pli fora celo estas fariĝi la renkontopunkto por ĉiuj specialistoj. Ambicia programo, sed unuflanke la redaktoro, D-ro Donald Broadribb el la Universitato de Melburno (Fako de Ŝemidaj studoj), antaŭe red. de la Nord-Amerika E-o-Revuo, kaj aliflanke la alta lingva nivelo kune kun la alta scienca kaj specialista enhava nivelo donas al tiu bone presita kaj zorge prezentita revuo multajn atutojn por realigi tiun programon.

Jen kelkaj el la titoloj de la du unuaj numeroj : Sklaveco en la antikva proksima oriento (E.J. Goerlich); Dekdu teorioj pri la Alta Kanto de Salomono (G. Rust); Modernaj metodoj por la instruado de Semidaj lingvoj (A. Capell); Poezio Hebrea : kelkaj pensoj (D. Broadribb);...

***

Tute komparebla per sia alta specialigita enhavo estas la « Kemia Revuo », redaktita de la kemiisto Alberto Barrocas el Montevideo. Atingis nin la unua n-ro kun 73 paĝoj da teksto plus pluraj paĝoj da resumoj prezentitaj sur detondeblaj slipoj. Sub modernaspekta kovrilo ni trovas altnivelajn tekstojn meze de kiuj impresas sufiĉe multaj bildoj kaj tabeloj; ĝi estas zorge produktita per ofsetprocedoj elde tajpitaj originaloj. Sekvas ĉiun artikolon resumo en la nacia lingvo de la aŭtoro aŭ en alia lingvo kaj ankaŭ bibliografio.

Jen kelkaj titoloj : Taksado pri modifita fericianida provo kiel indikilo pri la poraro en stanita ferlado (J.A. Mc Carthy, Usono); la evoluado de mineraloj el fonoliteca magmo natririĉa (J. Kavka, Ĉeĥoslovakio); Rapida nefelometra metodo por dozado de sulfuro en la tero : kelkaj rezultoj el la grundoj de la Departamento Seine Maritime (E. Jouis, el Rouen); rapida determinado de kvarvalenta uranio en urania tetrafluorido (K. Motojima, k.a., Japanio); la mikrodistilado de NH3 per la Kjeldahl-metodo (S. Dittrich kaj J.X. Vries, Urugvajo);... ktp. Finas la revuon informrubriko « Tekniko, Industrio, Esploro nun en la mondo ».

***

En ambaŭ okazoj ŝajne ekzistas financa bazo, absolute necesa por lanĉado de ir ajn revuo : ja necesas kalkuli kun minimumo de 2 ĝis 4 jaroj da lanĉado ! Mi ne povas ne plej varme admoni la eventualajn interesitojn nepre tuj aboni ! Abonu ankaŭ tiuj kleraj amatoroj, kiuj volas subteni la starton de tiuj kuraĝaj sed necesegaj entreprenoj. Temas pri prospero aŭ ne de tiuj revuoj. Temas pri enpenetro aŭ ne de nia lingvo en pliaj kulturaj medioj. Temas pri ampleksigo aŭ ne de nia movado. Ni scias el serioza fonto, ke komencas aboni seriozuloj ekster nia aktiva movado; ankaŭ bibliotekoj interesiĝas. Ni helpu al gravigo de tiuj tendencoj : jen nepra tasko por niaj informaj fakoj; jen tasko por multaj aktivuloj, kiam ni aŭdas paroli pri kampanjoj... Dek novaj abonantoj trovitaj por unu el tiuj revuoj estos por difinita landa asocio pli grava ol cent novaj membroj, kvankam ili alportos mem neniun plian kotizon. Kaj ĉiu el ambaŭ revuoj estas per si mem interesa kaj altvalora. Dr A. ALBAULT.

---

Biblia Revuo. Jarabono : 5 dolaroj. Mendu ĉe E.J. Goerlich, Messenhausergasse 4/2, Wien III, Aŭstrio. Pagu al lia konto en Svislando : Zurich VIII, 80-50.473.
Kemia Revuo. Jarabono : 1 dolaro (2 kajeroj). Mendu kaj pagu ĉe U.F.E.

Supplément à « FRANCA ESPERANTISTO »,
N° 235, Décembre-Janvier 1966

# BULLETIN TRIMESTRIEL d'Informations Mondiales

**Ces Bulletins ne présentent QUE DES FAITS récents et contrôlables**

*Rédaction :* Dr G. MAILLARD, 14, rue Ravon, Bourg-la-Reine (Seine).
*Administration :* Union Française pour l'Espéranto, 34, rue de Chabrol, Paris-10e.

**SOMMAIRE**



Ces bulletins ont pour objet de renseigner non seulement les personnes qui ignorent complètement le développement actuel de la langue internationale, mais aussi celles qui, tout en comprenant son importance, n'ont pas la possibilité d'être bien informées. Ils s'adressent aussi aux adversaires de l'Espéranto. Mais ceux-ci n'aiment pas à être renseignés.

## L'enseignement de l'Espéranto

Ainsi qu'on le verra en parcourant ce Bulletin, ce qui frappe le plus dans l'extension actuelle de la Langue Internationale, **c'est le nombre croissant des centres d'enseignement** dans toutes les parties du Monde.

Mais ce qui nous surprend péniblement c'est la constatation que notre gouvernement, contrairement à beaucoup d'autres, continue à ignorer l'importance qu'a prise la langue internationale et les facilités qu'elle procure aux pays qui savent l'utiliser pour leur propagande mondiale. Au premier rang de ces pays il faut citer la Chine, le Japon, la Bulgarie et maintenant l'Allemagne.

Un rapport très précis de M. V. Sadler sur l'état actuel de l'Enseignement de l'Espéranto dans le monde, rapport basé sur **des faits irréfutables** montre les pays dans lesquels cet enseignement est encouragé et aidé officiellement.

On y voit : **la Bulgarie, l'Espagne, la Hongrie, la Hollande, Israël, le Brésil, la Chine, les deux Corées, les Etats-Unis, la Grande-Bretagne.**

Mais le nom de la France n'y figure pas.

***

Voici la traduction de ce rapport paru dans la Revue Internationale « Espéranto », (Mars 1965, p. 41).

« ... Cinq fois déjà le Centre de Recherches et de Documentation de l'U.E.A. a fait des enquêtes rigoureuses sur l'enseignement scolaire de la Langue Internationale dans différents pays. Chaque fois les résultats de ces enquêtes ont montré un accroissement accéléré du nombre des écoles.

Des lois importantes pour faciliter l'enseignement de l'Espéranto ont été promulguées dans divers pays, et des décisions ministérielles ont permis cet enseignement dans des conditions beaucoup plus favorables que dans le passé.

Un rapport sur quelques-uns de ces décrets en **Bulgarie**, en **Espagne**, en **Hongrie**, en **Israël** et en **Hollande** a paru dans le « Bulletin scolaire » n° 3 (v. Espéranto, Déc. 64, p. 210). Ce rapport nous précise que la Bulgarie a introduit l'enseignement facultatif de la langue internationale dans un grand nombre de ses écoles, qu'en Hongrie plusieurs dizaines de professeurs ont appris l'espéranto, que plusieurs cours ont commencé à Tel-Aviv, et que récemment à La Haye deux écoles ont ouvert des cours pour 68 élèves, selon la nouvelle loi.

Mais dans d'autres pays aussi s'est affermie la position de l'Epéranto.

AU BRESIL par exemple la décision de 1962 du Conseil Fédéral de l'Instruction en faveur de la langue internationale, s'étend maintenant à toute la nation. L'exemple

initial de l'état de **Sao-Paulo** (Esp. 1963, p. 172) a été suivi en octobre 1964 par l'Etat de **Guanabara,** dont l'Assemblée législative par la loi n° 588 a introduit l'espéranto comme langue facultative dans les écoles de moyen degré **de Rio de Janeiro.** En conséquence de cette décision fédérale, l'importante organisation « Campagne Nationale pour les Ecoles gratuites » qui assure le fonctionnement de 250 lycées du Brésil grâce au soutien du gouvernement, a mis en route des cours dans quatre de ses établissements avec l'intention d'en ouvrir d'autres.

EN POLOGNE, une école pédagogique a pour la première fois en 1965 donné des points supplémentaires aux futurs professeurs lorsque l'espéranto est inscrit sur leurs diplômes.

AUX ETATS-UNIS le cours d'instituteurs relaté dans le numéro de janvier de la Revue « Espéranto » donne à ceux qui ont suivi ce cours des points qui augmentent leurs salaires.

EN GRANDE-BRETAGNE, dont cependant l'attitude influe sur un ensemble de pays anglophones, la position de la langue internationale s'est améliorée du fait que deux instances régionales ont organisé des examens d'espéranto pour les écoles de moyen degré.

Dans certains pays d'ASIE les progrès ont pris une autre forme. Des professeurs choisis dans onze écoles supérieures **de 6 villes chinoises** ont suivi un cours de 6 mois organisé par le Ministère de l'Education, et maintenant ces professeurs enseignent à leur tour la langue internationale à des étudiants sélectionnés.

EN COREE DU NORD un cours a lieu à l'Institut Pédagogique de **Pjengjang,** pendant que en COREE DU SUD ont été ouverts plusieurs cours dans les écoles de moyen degré.

EN AFRIQUE, la situation est très différente. Dans les pays ou une langue indigène a été adoptée comme langue nationale, par exemple **l'Ethiopie,** la position des anciennes langues s'affaiblit, ce qui crée peu à peu des conditions plus favorables pour l'adoption de l'Espéranto sur le plan des relations internationales.

Si le nom de la France n'est même pas mentionné dans ce rapport, c'est parce que nos gouvernements ne font rien pour aider ce grand mouvement qui peu à peu cependant emporte toutes les résistances.

Mais pourquoi cette attitude négative, de plus en plus déplorable à mesure qu'elle se prolonge ?

---

# L'Esperanto et la Jeunesse

A côté du nombre croissant des centres d'enseignement, ce qui frappe le plus dans le développement actuel de la langue internationale c'est l'intérêt de plus en plus grand que lui porte la Jeunesse.

Non seulement les groupes de jeunes se multiplient, mais une solide organisation mondiale de la Jeunesse Espérantiste existe maintenant.

Elle a pour organe officiel la belle revue : « Kontakto ». Particularité intéressante : cette revue, écrite en espéranto, **n'est pas un organe de propagande** pour la langue internationale. Elle l'utilise tout simplement afin de pouvoir traiter, **sur le plan mondial,** de tout ce qui intéresse la Jeunesse.

---

# La langue internationale en Asie Orientale

Depuis quelque temps, mais surtout depuis le magnifique **Congrès Universel de Tokyo,** la langue internationale s'implante plus solidement dans cette partie de l'Asie malgré les divergences des systèmes politiques.

En **Corée du Sud** par exemple s'est fondée une « Société Espérantiste Coréenne » qui a adhéré aussitôt à l'U.E.A. (Association Universelle de l'Espéranto) dont le siège est à Rotterdam.

En même temps était édité par le gouvernement de la **Corée du Nord** un nouveau « Vocabulaire Espéranto - Coréen ».

En **Mongolie,** l'Académie d'Etat a édité récemment un manuel et un vocabulaire espérantistes.

En **Chine,** Pékin, avec sa très belle revue en espéranto « El Popola Cinio » et ses brochures également écrites dans la langue internationale, intensifie son action et ajoute à ses émisions radiophoniques des radio-programmes espérantistes dirigés vers l'Asie (I.G.S./603).

---

# Proposition à l'O.N.U. (Nations-Unies)

Nous rappelons que cette proposition, organisée sous forme de pétition, demande aux Nations-Unies :

« De résoudre le problème des langues en apportant une aide réelle et efficace à la diffusion de la Langue Internationale neutre Espéranto, et en recommandant également aux Etats-Membres de faire progresser son enseignement et de stimuler son emploi dans les relations internationales des peuples ».

Cette pétition qui dès le 15 juillet avait déjà recueilli

193.000 signatures individuelles et l'adhésion de 865 grandes organisations représentant 23.760.000 membres, comptait le 25 août 400.000 signatures individuelles et 43 millions d'adhésions collectives.

Une des personnalités qui connaît peut-être le mieux les difficultés linguistiques actuelles, le Dr Walter Hallstein, président de la Communauté Economique de l'Europe (le Marché Commun), a été l'un des premiers à signer cette pétition. (I.G.S. 601).

Aux côtés de **M. Jonas,** Président de la République Autrichienne, on trouve beaucoup de noms de très hautes personnalités politiques, scientifiques, économiques et de tous les domaines de l'activité humaine.

Le grand intérêt que soulève dans le monde cette pétition est **un fait,** chiffré par le nombre d'adhésions recueillies.

Nous le rappelons : **43 millions au 25 août.** Et cette pétition ne sera présentée aux Nations-Unies qu'au début de janvier.

---

# Périodiques scientifiques qui utilisent la langue internationale

**De Londres.** — Au minimum 86 Revues périodiques scientifiques, éditées en divers pays, ont publié depuis 1950 des articles en espéranto.

Parmi ces Revues il y en a d'importantes éditées au Japon et en Amérique du Sud. Signalons deux nouvelles Revues entièrement en Espéranto « Kemio Internacia », **Montevideo et** « Biblia Revuo » en **Australie,** consacrée à des études théologiques, archéologiques et linguistiques sur la Bible (I.G.S./602). Mentionnons aussi la Revue de vulgarisation astronomique « Homo Kaj Kosmo » éditée à **Zagreb** en Yougoslavie.

---

# INFORMATIONS DU MONDE

ALLEMAGNE. — L'Allemagne de l'Ouest utilise de plus en plus la Langue Internationale, car son gouvernement a vite compris que cette langue, si facile à utiliser, est de toutes les langues celle qui porte le plus loin. Elle suit en cela l'exemple de la Chine. Sa revue bimestrielle « Okcidentgermana Revuo » est de plus en plus intéressante et elle vient d'éditer un magnifique dépliant sur **Berlin,** le Berlin actuel. Ce dépliant, également tout en espéranto, lui permet de montrer au monde entier son ancienne capitale, toujours occupée par les communistes, et aussi toutes les beautés artistiques et naturelles que l'on peut encore admirer.

BRESIL. — A **Sao-Paulo,** un cours « télévisé » de la Langue Internationale, probablement le premier de cette espèce dans le monde, a été organisé avec l'approbation du Secrétariat d'Etat à l'Education. Il a été projeté quotidiennement sur les écrans pendant deux semaines. En même temps avait lieu un cours intensif par la méthode directe. Ces émissions télévisées ont été vues par plusieurs millions de spectateurs.

A **Rio-de-Janeiro,** la fin du cours d'Espéranto de l'école des hautes études « Fundaçao Getulio Vargas » où furent remis 78 diplômes a été l'occasion d'une fête à laquelle ont participé l'Ambassade du Japon et la 1re secrétaire de l'Ambassade indienne. (Rev. Espéranto, Nov. 1965).

BULGARIE. — A **Sofia,** « l'Association des étudiants espérantistes » entraînée par d'actifs éléments des écoles supérieures de la Capitale est en plein développement. Elle est actuellement une des plus importantes du pays.

Au cours d'un bal, organisé pour cette association, une collecte a rapporté une somme suffisante pour l'achèvement du châlet de montagne « Espero ».

L'association a des contacts réguliers avec 24 Clubs d'étudiants espérantistes étrangers. Elle organise des réunions hebdomadaires toujours intéressantes. La presse estudiantine publie de temps en temps des articles sur son activité et sur le mouvement espérantiste.

Les trois cours pour les débutants, pour ceux qui veulent progresser et pour les futurs professeurs ont apporté des forces fraîches et de nouveaux espérantistes capables à leur tour d'enseigner.

Sur le mont **Vitosa** 80 jeunes espérantistes ont participé au groupe de travailleurs volontaires qui construit une route de montagne. La plupart sont des étudiants. Des réunions ont été organisées avec les espérantistes de Sofia et avec des écrivains. Une soirée a été entièrement consacrée à la langue internationale.

A **Vraca,** dans un centre de jeunes ingénieurs chimistes, un cours d'espéranto a été organisé avec plus de 30 élèves (Heroldo, Sept. 1965).

Plus de 350 espérantistes de **Bulgarie,** de **Pologne,** de **Yougoslavie,** d'**Italie,** de l'**Union Soviétique,** de **France,** de **Hongrie,** d'**Allemagne** et du **Canada** ont participé à la première fête espérantiste de tourisme sur le Mont Vitosa, où on a édifié un châlet de montagne nommé « Esperanto ». Une exposition y avait été organisée sous le vocable : « L'Espéranto et le Tourisme international » (Esp. Nov. 65).

CANADA. — A **Vancouver,** le grand port le plus occidental du monde, un cours d'espéranto à l'école technique vient de se terminer avec 25 élèves. (Heroldo, Sept 65).

DANEMARK. — Fin juillet, plus de cent espérantistes de 12 pays se sont réunis à l'école internationale d'**Helsingör** pour participer aux cours de vacances qui y avaient été organisés. Le matin avait lieu un cours pour les enfants. Et un cours selon la méthode naturelle, dirigé par M. Sögaard-Hansen d'**Aarhus,** pour les espérantistes qui désiraient apprendre à enseigner selon cette méthode. Il y avait aussi l'après-midi un cours de perfectionnement dirigé par M. Moravec de **Flensburg** (Heroldo, sept. 1965).

ETATS-UNIS. — **New-York.** Le 30 septembre a commencé un nouveau cours d'espéranto pour le personnel de l'O.N.U. Ce cours est dirigé par M. Mark Starr.

FRANCE. — Grâce au soutien de la « Fondation de la Jeunesse franco-germanique », 54 membres de huit groupes de jeunes protestants allemands ont pu accomplir un voyage en France à l'aide de la Langue Internationale. Après être restés deux jours à Paris, ils ont visité les châteaux de la Loire, Angers et Grésillon (Heroldo, septembre 1965).

A **Paris** — pour la saison scolaire 1965-1966 onze cours ont été ouverts à partir d'octobre : 8 du 1er degré, au Lycée Charlemagne, à la gare du Nord, aux Amis de la Nature, 7, rue Pierre-Girard ; au Comité des Loisirs, 5, Bd Montmartre ; à l'Ecole Communale des Garçons, 12, rue St-Benoît ; au Camping-Club de France, 18, Bd St-Germain ; à la librairie Publico, 3, rue Ternour ; au Lycée Condorcet.

Deux du 2e degré : au Lycée Charlemagne, au Comité des Loisirs.

Un du 3e degré : au Lycée Condorcet.

HOLLANDE. — Après **Amsterdam, Gröningen** et **Deventer,** voici qu'à **Rotterdam** l'espéranto est enseigné dans une école normale d'instituteurs. Au séminaire protestant de cette ville un cours a commencé pour les élèves de 3e année (Esp., Nov. 65).

HONGRIE. — Du 10 au 20 août, dans le camp de vacances de **Szeged,** la méthode d'enseignement audio-visuelle a été appliquée à l'espéranto avec d'excellents résultats. En même temps avaient lieu des cours selon le mode classique et d'autres par la méthode naturelle. (Heroldo, Oct. 1965).

ITALIE. — **Rome.** — A l'Hôtel de Ville de Albano Laziala, en présence du Maire et de hautes personnalités, a eu lieu une remise de diplômes aux professeurs de plusieurs écoles qui avaient passé avec succès leurs examens d'espéranto. Sous la direction du Professeur G. Lacertosa, déja plus de 200 ont étudié la langue internationale dans un cours de moyen degré à l'école d'Etat « G. Pascoli ». (Heroldo, Sept. 1965).

JAPON. — Plus de 100 jeunes ont suivi un cours intensif d'Espéranto au Centre **Oomoto** de **Kameoko.** Les élèves étaient divisés en 6 classes : deux élémentaires et quatre de perfectionnement. (Heroldo, Sept. 1965).

NOUVELLE ZELANDE. — L'Association pour l'O.N.U. dans sa réunion annuelle de 1965 a nommé une commission spécialement chargée de l'organisation, sous l'égide de l'O.N.U., de l'enseignement de la Langue Internationale dans toutes les écoles du second degré. La jeunesse espérantiste de ce pays vient d'adhérer à « l'Organisation Mondiale de la Jeunesse Espérantiste ». (Esp., Nov. 1965).

SUISSE. — 50 aveugles de 12 pays se sont réunis en congrès à **Gwalt** où de nombreuses distractions avaient été organisées en leur honneur. Deux assemblées générales ont eu lieu et il a été décidé d'éditer en « braille » la dernière édition des « Réponses Linguistiques » de **Zamenhof.**

TCHECOSLOVAQUIE. — A **Prague,** fonctionne actuellement un cours d'espéranto auquel participent 40 cheminots. Ce cours est dirigé par M. Machacek. 115 personnes ont participé au 14e campement d'été organisé près de **Vranov** par les espérantistes de **Travic** (Moravie). Quatre cours avaient lieu le matin. L'après-midi était réservé aux excursions et distractions de toutes sortes.

UNION SOVIETIQUE. — 24 villes appartenant à 11 nations de l'Union Soviétique ont été représentées du 13 au 25 août par 76 espérantistes à un campement organisé pour la première fois à **Uzbek.** Les organisateurs étaient M. Ojasild de **Tallin** et le Recteur de l'Université d'été, professeur V. Kplikov de **Omsk.** Parmi les sujets traités : « La richesse de la Langue Internationale comparée avec les langues nationales », « le Folklore et la Culture Bulgares ». Pendant toute la durée de ce campement avaient lieu des cours de perfectionnement. (Heroldo, Oct. 1965).

Docteur G. MAILLARD.

**Pour tout ce qui concerne LA REDACTION de ce Bulletin, s'adresser au Dr G. Maillard, 14, rue Ravon, Bourg-la-Reine (Seine).**

**Pour TOUS AUTRES RENSEIGNEMENTS, tels que : cotisations aux grandes Associations Espérantistes, adhésions aux Congrès, abonnements aux journaux et revues espérantistes, achats de livres, etc... s'adresser à l'UNION FRANÇAISE POUR L'ESPÉRANTO, 34, rue de Chabrol, Paris 10e. Tél. 770-55-03 — C.C.P. 855-35 Paris.**

**De même si l'on désire DES TIRAGES A PART DE CE BULLETIN. Ils seront envoyés franco à raison de un franc les dix. Mais si vous voulez être assuré d'en obtenir, commandez-les le plus tôt possible, car ils sont vite épuisés.**

Le gérant : GUILLAUME

Imp. Coconnier, Sablé (Sarthe)







**DERNIÈRE MINUTE**

La séquence « Esperanto et philatélie » de la célèbre émission de Jacqueline Caurat « Téléphilatélie » prévue pour le 28 janvier 1966, passera sur l'écran le **11 février 1966**, à 18 h. 55 (1re chaîne). Au cours de l'émission, Jacqueline Caurat retracera, avec notre ami Jack Rousseau, grâce à quelques-uns des timbres-poste émis dans le monde en l'honneur du Dr Zamenhof, l'histoire de l'Espéranto dont il fut le génial initiateur, il y a près de 80 ans (1887).

Sablé-sur-Sarthe. — Imprimerie Coconnier Le Gérant : J. Guillaume.